# BEL informas

*n-ro 7/2013*

*la 13an de marto 2013*



*13 de março de 2013*



## Notícias Supren disvastigas E-kurson de UnB Idiomas

En la 6-a de marto Prof. Paŭlo Nascentes estis invitita paroli pri la E-kurso de UnB Idiomas, lingva instrucentro de la Universitato de Braziljo, al la informprogramo Notícias Supren, de TV Supren. Aliru kaj spektu la trafajn konsiderojn pri Esperanto ekde la tempo 04:47.

## Curso no UnB Idiomas é divulgado no Notícias Supren

No dia 6 de março, o Prof. Paulo Nascentes foi convidado a falar sobre o curso de Esperanto no UnB Idiomas para o Notícias Supren, noticiário da TV Supren. Acesse e assista as considerações certeiras sobre o Esperanto a partir do tempo 04:47.

Fernando Maia

Fernando Maia

## Amuza renkonto en la Paraiba Valo

En la 10-a de marto okazis en la urbo Lorena, San-Paŭlo, unu plia Renkonto de Esperantistoj en la Paraiba Valo. Ĉeestis preskaŭ kvindek homoj el tri brazilaj ŝtatoj.

Matene la formala malfermo komenciĝis per salutoj kaj akcepto fare de la Sekretario pri Kulturo, S-ro Adriano Fernandes, kiu simpatie bonvenigis la ĉeestantojn, sekvate de prelego de S-ro Saulo Wanderley, el la urbo Juiz de Fora, pri la temo "Ĉeesta kaj virtuala movadoj: avantaĝoj kaj malavantaĝoj".

Post la prelego oni ekskursis en la urbo, vizitante arbareton de "brazilligno", kiu situas en ĝardeno de mezgrada lernejo – la plej ampleksa urba plantejo de tiu arbo, unu el la simboloj de Brazilo.

Oni ankaŭ vizitis la sidejon de Instituto Sankta Teresa, universitato kun dekoj da homsciencaj kursoj. Tie la direktorino mem de la institucio, Fratino Raquel de Godoy Retz, akceptis la esperantistojn, kaj Profesorino Rosana gvidis la grupon en la sidejo de la lernejo.

## Um encontro divertido no Vale do Paraíba

No dia 10 de março, ocorreu na cidade de Lorena, SP, mais um Encontro de Esperantistas do Vale do Paraíba, com quase cinquenta participantes de 3 estados do país.

De manhã, a abertura iniciou-se na Casa de Cultura de Lorena, com saudações e boas-vindas por parte do secretário de cultura, Sr. Adriano Fernandes, que recebeu a todos com muita simpatia, seguindo-se daí uma palestra do Sr. Saulo Wanderley, de Juiz de Fora (MG), sob o tema "Movimentos presencial e virtual: vantagens e desvantagens".

Após a palestra, deu-se uma excursão na cidade, com visita a um bosque de pau-brasil, situado em um jardim de uma escola de ensino médio - a maior plantação urbana dessa árvore, um dos símbolos do Brasil.

Também visitaram a sede do Instituto Santa Teresa, universidade com dezenas de cursos na área de humanas. Lá, a própria diretora do instituto, Irmã Raquel de Godoy Retz, recebeu os esperantistas, e a Profª. Rosana guiou o grupo na sede da universidade.

Oni spektis 20-minutan filmon en Esperanto kaj fine tagmanĝis en kampara restoracio. Posttagmeze oni revenis al la Kulturdomo de Lorena por "guto da gramatiko", amuza kvizo kaj diskuto pri la E-movado en Rio kaj San-Paŭlo, kun reprezentantoj de Kultura Kooperativo de Esperantistoj kaj Esperantista Asocio de San-Paŭlo. Dum la renkonto funkciis du bonaj libroservoj.

Paulo Sérgio Viana

Foi exibido um filme de 20 minutos em Esperanto e por fim houve um almoço em um restaurante rural. De tarde o grupo regressou à Casa de Cultura de Lorena para as "gotas de gramática", uma espécie de "quiz" e discussão sobre o movimento e-ista no Rio e em São Paulo, com representantes da Cooperativa Cultural dos Esperantistas e a Associação Esperantista de São Paulo. Durante o encontro funcionaram dois bons estandes de venda de livros.

Paulo Sérgio Viana

## Muzeo en Hispanio prezentas filmojn inkluzive en Esperanto

De la 2-a ĝis la 17-a de marto la Eŭska Muzeo de Nunepoka Arto, Artium, okazigas filmo-prezentadon pri la lingvaĵo kaj ties misteroj kaj kapablo influi la organizon de la socio.

## Museu na Espanha exibe filmes inclusive em Esperanto

De 2 a 17 de março, o Museu Basco de Arte Contemporânea, o Artium, promove ciclo de filmes em torno da linguagem, seus mistérios e sua capacidade de influenciar a configuração da sociedade.

La prezentado konsistigas la ekzpozicion Of More than One Voice, de Katarina Zdjelar. La ekspozicio pritraktas inter aliaj temoj la komunikadon kaj la lernadon de la lingvaĵo.

O ciclo compõe a exposição Of More than One Voice, de Katarina Zdjelar. A exposição aborda, entre outros temas, a comunicação e o aprendizado da linguagem.

Inter la filmoj estas The Universal Language, de Sam Green, en la angla kaj Esperanto, kaj Gerda malaperis, de la brazilano Joe Bazilio, tute en Esperanto. Por kontroli la tutan programon vizitu la paĝaron de la muzeo

Fernando Maia/Joe Bazilio

Dentre os filmes, estão The Universal Language, de Sam Green, em inglês e esperanto, e Gerda malaperis, do brasileiro Joe Bazilio, completamente em esperanto. Para a programação completa, visite a página do museu

Fernando Maia/Joe Bazilio

**FRINGOJ dungos 3 junajn E-parolantojn**

La Festa Renkonto INternacia de GeknabOJ (FRINGOJ), kiu okazos en la E-Kulturdomo Kastelo Grezijono de la 4-a ĝis la 11-a de majo 2013, dungos 3 junajn e-istojn (ĉ. 30-jaraĝa aŭ malpli), prefere ne-franc-parolantojn, por la jenaj aktivaĵoj: (1) unu persono por helpi al nia kuiristo Bertrand plus iom da purigado kaj (2) du personoj kun diplomo/sperto por gvidi ludojn kaj aktivaĵojn por infanoj/junuloj (8-17-jaraĝaj).

**FRINGOJ contratará 3 jovens esperantistas**

O Encontro Festivo Internacional de Meninos e Meninas (em Esperanto, FRINGOJ - Festa Renkonto Internacia de Geknaboj), que ocorrerá no Castelo Grésillon, França, de 4 a 11 de maio, contratará 3 jovens esperantistas (c. de 30 anos ou menos), preferencialmente não francófonos, para as seguintes atividades: (1) um jovem para auxiliar na cozinha e limpeza e (2) dois jovens com diploma/ experiência para guiar atividades lúdicas para jovens e crianças (faixa etária de 8 a 17 anos).

La dungitoj ne pagos sian restadon kaj ricevos salajron. Interesatoj bonvolu URĜE sendi dung-ret-leteron al Elizabet Barbay (eliz.barbay@wanadoo.fr), klarigante pri si, pri siaj spertoj kaj eventualaj aktivaĵ-proponoj. Ne hezitu demandi pri detaloj, se vi havas dubon. Bonŝancon! (Kuriozaĵo: fringo estas nomo de birdo tre kutima en la regiono de la kastelo).

Elizabet Barbay

Os contratados receberão alojamento e salário. Interessados devem contatar logo (em esperanto) a responsável Elizabet Barbay (eliz.barbay@wanadoo.fr), enviando esclarecimentos pessoais, experiências e eventuais propostas de atividades. Para dúvidas, não hesite em contatar Elizabet. E boa sorte! (Curiosidade: fringo é o nome em esperanto para tentilhão, um passarinho muito comum na região do castelo).

Elizabet Barbay

## MARTO

| | |
|---|---|
| 13- Kuba Esperanto-renkontiĝo | 13- Encontro de Esperanto de Cuba |
| 17- Muzeo en Hispanio prezentas filmojn inkluzive en Esperanto | 17- Museu na Espanha exibe filmes inclusive em Esperanto |

## APRILO

| | |
|---|---|
| 8-Esperanto en UnB Idiomas | 8-Esperanto no UnB Idiomas |
| 20- 1ª Esperanta Foiro de Libroj de Niterojo | 20-1ª Feira do livro esperantista de Niterói |
| 20-Staĝo PRINTEMPaS ĉe Kastelo Greziljono | 20- Estágio Primavera no castelo Grésillon |
| 28- Trejnado por kursgvidantoj en Rio-de-Ĵanejro | 28-Treinamento para instrutores de Esperanto no Rio de Janeiro |

## MAJO

| | |
|---|---|
| 11- FRINGOJ dungos 3 junajn E-parolantojn | 11- FRINGOJ contratará 3 jovens esperantistas |

**Aliĝu al niaj komunumoj en Facebook kaj Google Plus**

**Conecte-se a nossas comunidades no Facebook e Google Plus**

**Ĉu vi jam realiĝis al BEL ?**
**Você já se refiliou à BEL ?**

**Novaĵo en via BEL@Butiko**:

Kreita la menuo Oferto ELDONEJO FONTO

**Novidade em sua BEL@Butiko**:

Criado um novo menu, com ofertas de livros editados pela FONTO

Dum la ĝenerala asembleo okazinta kadre de la BKE em Barra do Garças, la nova vic-prezidanto Evandro Avellar  parolis pri la planoj akiri partnerojn en ĉiuj agadkampoj de Brazila Esperanto-Ligo. La novaj tempoj tion postulas.

Kompreneble, la plej gravaj partneroj de BEL estis, estas kaj estos la brazilaj geesperantistoj, kies ŝultroj estas la bazoj sur kiuj sin apogas ĉiuj aliaj agadplanoj.

Partnereco signifas bone pripensitajn kaj konsciajn sindevigojn, kiuj tamen devas alporti bonajn rezultojn kaj profitojn al ambaŭ partoj.

Konsiderante ke ĉiuj entreprenoj kaj institucioj devas alfronti la gravajn financajn krizojn kiuj vipadas la tutmondan ekonomion, estus treege bone por nia movado se vi konsideros la eblecon fariĝi partnero de nia Ligo, ĉefe rilate nian libroservon, kiu devas ludi gravan rolon en nia lukto por antaŭenigi nian movadon.

Estas necese pligrandigi la librovendadon kaj la nombron de membroj. Ni pritraktas ĉi-tie la aferon pri libroj. Ne troas se ni parolas pri la avantaĝoj kion oni ricevas kiam, pere de la legado de bonaj libroj, ni pligrandigas niajn lingvajn konojn kaj samtempe finance multe helpas ne nur nian centjaran Ligon, sed ankaŭ multajn esperantajn eldonejojn en la mondo. Oni ne povas kaŝi, ke ni travivas grandajn malfacilaĵojn. Sed tiuj malfacilaĵoj signifas grandan defion, kiun ni devas alfronti por ne permesi la malfortigon de niaj institucioj.

Do, ni invitas vin, nian ĉefan partneron,

Por ocasião da assembléia geral ocorrida no CBE em Barra do Garças, o novo vice-presidente Evandro Avellar  falou sobre os planos para a formação de parcerias em vários campos de ação da Liga Brasileira de Esperanto, uma exigência dos novos tempos no nosso movimento.

Evidentemente, os mais importantes parceiros da LBE foram, são e serão os esperantistas brasileiros, cujos ombros sustentam as bases em que se apóiam todos os nossos planos de ação.

Parceria significa um comprometimento bem programado e consciente, que deve trazer bons proveitos para as partes envolvidas.

Considerando que todas as empresas e instituições devem enfrentar a grave crise financeira que castiga a economia mundial, seria muito salutar se você, esperantista, considerasse a possibilidade de reconhecer-se como parceiro de nossa Liga, principalmente com relação ao serviço de livros, que deve desempenhar um grave papel na para a prosperidade do nosso movimento.

É imprescindível aumentar a venda de livros e o número de associados. Tratemos agora sobre os livros. Nunca é demais falar sobre as vantagens que alcançamos quando, através de bons livros, aumentamos nossos conhecimentos linguísticos e, ao mesmo tempo, muito ajudamos financeiramente não apenas a nossa centenária Liga, mas também a muitas editoras esperantistas. Não podemos negar que atravessamos grandes dificuldades. Mas essas dificuldades significam um grande desafio, que devemos enfrentar, para não permitir o enfraquecimento de nossas instituições.

Então, convidamos você, nosso principal

pripensi la eblecon aĉeti almenaŭ unu libron jare ĉe via BEL@Butiko, kaj, malgraŭ la krizo, se eble du, tri, kvar, ses...

parceiro, a considerar a possibilidade de adquirir pelo menos um livro por ano na sua BEL@Butiko e, apesar da crise, se possível dois, três, quatro, seis...

Ni komprenas ke pro pluraj kialoj ne al ĉiuj eblas aĉeti multajn librojn. Sed, kun iom da peno, ni povas aldoni nian energion por ke la ĉefa motoro de la brazila movado – nia centjara Brazila Esperanto-Ligo, havu pli komfortan financan situacion.

Compreendemos que por vários motivos nem todos têm a possibilidade de comprar muitos livros. Mas, com um pouco de sacrifício, podemos acrescentar nossa energia financeira para que o principal motor do movimento esperantista brasileiro – nossa centenária Liga Brasileira de Esperanto, possa ter uma confortável situação financeira.

Ni interplektigu niajn manojn, ni laboru kune kaj ni apliku niajn fortojn por movi la akson de la brazila movado.

Entrelacemos nossas mãos, trabalhemos juntos e apliquemos nossas forças para movimentar o eixo do nosso movimento.

Jen novaj titoloj je via dispono:

Foram disponibilizados mais os seguintes títulos:

**Unuiĝintaj nacioj: venu kun ni, Turoj de l´ĉefurbo, La Padanaj rakontoj, Prezo de la ellaĉetado, Sur la marmorklifo, De paĝo al paĝo, G. Marin vizitas sian hejmon, Donace al vi, Ĉu vi parolas tendare? , Kuŝanta tigro.**

Vizitu vian virtualan libroservon, kie vi trovos pli ol 750 titolojn, inter kiuj kelkdekojn da brokantaĵoj, kiujn ni disponigis en la lastaj tagoj. Klaku ĉi tie por vidi ilin.
Nia adreso:

Visite a sua livraria virtual, onde você encontrará mais de 750 títulos, entre os quais algumas dezenas de raridades disponibilizadas nos últimos dias. Clique aqui para vê-los.

Nosso endereço:

**www.belabutiko.esperanto.org.br**

Ni dankas pro via plezuriga vizito kaj atendas la momenton ĝui la plezuron plenumi vian valoran mendon. Bonan legadon!

Agradecemos sua honrosa visita e aguardamos o prazeroso momento de enviar sua valiosa encomenda. Boa leitura!

# Ni laboru kune!

**Boletim bilíngue da Liga Brasileira de Esperanto**
**Dulingva bulteno de Brazila Esperanto-Ligo**

SDS Ed. Venâncio III Sala 303, Brasília - DF, CEP 70.393-902
Telefones: (61) 3226-1298 Fax: (61) 3226-4446

**Kunlaborantoj**: Bert Schumann, Diego Ribeiro, Emilio Cid, Eurípedes Barbosa, Evandro Avellar, Evandro Caboclo, Fabiano Henrique, Fabio Monteiro, Fernando Maia, Joe Bazilio, Luís Guilherme Jardim, Márcio Santos, Paulo Nascentes, Paulo Sérgio Viana, Rafael Zerbetto, Walter Fontes.

**Sendu kontribuojn al bel.informas@gmail.com**

